# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO VII, SOFIA — BULGARIO
OKTOBRO—DECEMBRO 1964, № 4



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## LA JARO DE INTERNACIA KUNLABORADO KAJ LA DEVO DE LA ĴURNALISTOJ

Ni jam staras sur la sojlo de la Jaro de Internacia Kunlaborado, proklamita de Unuiĝintaj Nacioj. Tiu grava internacia kampanjo estas subtenata ankaŭ de nia Universala Esperanto-Movado. En sia Rezolucio la 49-a Universala Kongreso de Esperanto en Hago deklaras, ke donas plenan apogon al la klopodoj de la Unuiĝintaj Nacioj progresigi la kunlaboradon inter la popoloj kun celo dispeli internaciajn tensiojn kaj firmigi la mondan pacon.

En la nomo de 2500 reprezentantoj el 43 landoj de ĉiuj kontinentoj la Kongreso en Hago samtempe proponis, ke Unuiĝintaj Nacioj solvu la lingvan problemon per efektiva kaj efika helpo al disvastigo de la neŭtrala Internacia Lingvo Esperanto, rekomendante ankaŭ al la Ŝtatoj-Membroj progresigi ĝian instruadon kaj stimuli ĝian uzon en la internaciaj rilatoj de la popoloj.

La propono de UEA al la Unuiĝintaj Nacioj jam estas presita en pluraj lingvoj kaj dissendita al ĉiuj naciaj Esperanto-organizaĵoj, ligoj kaj societoj por kolektado de subskriboj.

UEA emfazas la gravecon kaj la urĝecon de tiu granda kampanjo. Tial devo de ĉiu ĵurnalisto-esperantisto, de ĉiu teĵano estas partopreni en ĝi per ĉiuj siaj fortoj, konscie kaj persiste.

Dum la Jaro de Internacia Kunlaborado la agado de la ĵurnalistoj mem estas multe pli granda kaj grava ol estas la laboro de la aliaj esperantistoj. Jen la plej gravaj taskoj de niaj teĵanoj dum la kampanjo:

Unue, kiel ĵurnalistoj ni devas plej aktive propagandi la kampanjon per la gazetaro, la radio kaj televido, per ĉiuj rimedoj, kiujn donas al ni la ĵurnalismo. Ni devas informi la popolojn ne nur pri la okazintaĵoj kaj

### ATENTON! PROVIZORA ADRESO DE „I. Ĵ."

**Pro tio ke la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" trapasos kelkajn monatojn for de sia patrolando — en la Malgranda Azio li plej afable petas ĉiujn siajn korespondantojn kaj la kunlaborantojn de la organo ĝis la 15-a de marto 1965 jaro sendi leterojn kaj kontribuaĵojn al la jena provizora adreso: s-ino Viza Avramova, str. Bal. Schemtof, blok 14 (por Iv. Esperov (Jafo, Israel).**

aktivecoj konekse kun la Jaro, sed popularigi la kampanjon.

Due, *ni mem* kiel ĵurnalistoj devas partopreni en la organizado de diversaj internaciaj manifestacioj, kunvenoj, festoj ktp. por kontribui por la plej bona sukceso de la Jaro.

Trie, por efektivigi tion, ni devas nepre plilarĝigi kaj plifirmigi ankaŭ nian profesian interĵurnalistan laboron.

Kvare, ni mem devas aktive propagandi per la gazetaro kaj buŝe inter la homoj, konvinki ilin subskribiĝi sur la eldonitaj listoj, *ni mem devas kolekti subskribojn.* Universala Esperanto-Asocio presis 100 000 subskribo-foliojn. Oni devas plenplenigi ilin per subskriboj.

Necese estas, ke ĉiuj sekcioj, grupoj kaj rondoj de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, ĉiuj apartaj membroj kaj ĵurnalistoj nemembroj de TEĴA streĉu siajn fortojn ĝis maksimumo por disvastigi la ideon de internacia kunlaborado. Tio ja estas ankaŭ nia konstanta profesia devo. Nia agado, la laboro de ĉiuj esperantistoj estu rezultodona, tiel ke la jaro de Internacia Kunlaborado fariĝu samtempe la Jaro de la Internacia Lingvo Esperanto, tiel ke ĝi kontribuu al la plibonigo kaj plifirmigo de la rilatoj inter la popoloj, por dispelo de la internaciaj tensioj, por la triumfo de la *monda paco.*

Teĵanoj, kolegoj-ĵurnalistoj, al fervora laboro por la sukceso de la Jaro de Internacia Kunlaborado!

---

## ĈEĤOSLOVAKIO

### Aktiveco de nia komitatano Zednik

Nia komitatano **A. V. Zednik** (adreso: Modrany 1482, Praha) kies ĵurnalistan peresperantan laboron li jam montris kiel modelan, daŭrigas sian agadon persiste. Li organizas grandskalan Esperanto-propagandon per leteroj, cirkuleroj k. a. Samtempe s-ano Zednik laboras por aktivigo de la TEĴA-afero en Ĉeĥoslovakio, por varbado de novaj membroj kaj kolekto de *ties kotizoj. Li sendis al ĉiuj membroj* (kaj al iuj ne membroj) de TEĴA en sia patrolando la jenan leteron:

„Karaj kamaradoj,
ĝis la 30-a de septembro 1964 helpe de simpla KK vi povas ĉe Poštovni novinova služba, dovoz tisku z Bulharska, Vinohradská 46, Praha 2, por la jaro 1965 aboni la gazeton „Internacia ĵurnalisto"
La fakturon je sumo de Kĉs 10,80 vi ricevos kaj pagos komence de la jaro 1965".

Menciante la adreson de nia organo s-ano *Zednik* petas:

„Skribu al mi:
1. Ĉu vi abonis „I. ĵ"-on?
2. Kian laborprogramon vi proponas por vi kaj por la ceteraj anoj de TEĴA en ĈSSR por la jaro 1965?
3. Ĉu kaj kiujn novajn anojn de TEĴA vi gajnis?
Amikan manpremon! Via sindona:

**A. V. Zednik"**

Ni salutas nian ĉeĥoslovakan komitatanon Zednik *kaj* **bondeziras** *al* **li** *grandan sukseson* en lia varia, pri- kaj peresperanta laboro. La estraro de TEĴA pridiskutos lian proponon, ke TEĴA eldonu specialan multnombran informan flugfolion precipe por ĵurnalistoj kaj redakcioj en la plej gravaj naciaj lingvoj, per kiuj ni informu ilin pri TEĴA.

**Tutmonda Esperanto-Koresponda kaj Kolektanta Klubo** de Esperantistoj kaj Esperanto-Amikoj fondita en 1958 jaro ĉe enhavoriĉa pollingva, ilustrita semajna gazeto „**Kulisy**" (Kulisoj) en Warszawa (Varsovio) — neordinaran viglan aktivecon disvolvis *en la muziksekcio nomita „***La Verda Liro**", *al kiu* apartenas membroj en 26 landoj. Ĝi celas krei per **Esperanto internacian** kontakton inter muzikemaj gesamideanoj (profesiaj kaj amatoroj), kulturi per diversspecaj muzikeldonaĵoj, surbendigoj ktp. **porpacan amikecon** inter la esperantistaro de ĉiuj landoj. Ĝi celas i. a. organizi esperantistan muzikservon en ĉiuj kontinentoj, formi muzikkvartetojn kaj muzikkonkursojn kun premioj dum Esperanto-muzikfestivaloj ktp.

„La Verda Liro", kies iniciatoroj estis gesamideanoj: k-do Boris Avramov, bulgara komponisto en Sofio kaj f-ino Betsy Leopold, nederlanda komponistino kaj pianistino en Arnhelm — alvokas ĉiujn muzikemulojn, se iamaniere volas realigi seriozajn projektojn pere de **Esperanto** kaj **muziko** — aniĝi al „**Amika Servo**" — muziksekcio „La **Verda Liro**".

„La Verda Liro" petas sendi registritaletere *aktualajn adresojn* de muzikemuloj (profesiaj kaj amatoroj) kaj diversspecajn muzikkontribuaĵojn (kantojn kun notoj por pianoakompano, gitaro, akordeono kaj ankaŭ la tekstojn por muzikkompontado) al la fondinto kaj prizorganto de la Klubo „Amika Servo" mag. fil. Mieĉislav **Zgorzewski,** literatura publicisto, **Wroclaw** 2, skrytka pocztowa 22, Pollando.

La interesuloj ricevados informleteron pri jam eldonitaj memorigaj muzikkartoj kun provekzemplero kontraŭ 4 (kvar) resp. kuponoj aŭ egalvaloro en neuzitaj bild (memorigo) poŝtmarkoj de via lando.

**Per Esperanto** por la **Paco** kaj **Tutmonda Amikeco!**

*EŬGENO GREKOV*

# RIDETO

(Neelpensita rakonto)

(Daŭrigo de la n-ro 3 de „I. J.“

Ĉu vi komprenas — vivon! Pardonu, mi laciĝis.

La ĵurnalisto estis vera ĵurnalisto. Li volis ekscii ĉion. Li ĝentile dankis la profesoron kaj direktiĝis al la kuracanta doktoro. Entute, li ne foriris antaŭ ol ekscii ĉion pri Nadenka.

— Ĉiu profesio havas siajn malagrablajn apartaĵojn — grimace ridetis la kuracisto, kiam post la ĵurnalisto fermiĝis la pordo. — Nia malsukceso por li fariĝis sukceso, li ĉasis interesan temon...

La ĵurnalisto ne kuris sur la ŝtuparo trans tri ŝtupoj kaj ne fajfetis laŭmodan kanteton. Li nerapide malsupreniris, tuŝante per la fingroj la malvarman balustradon el plasto. Li jam ne aspektis tiel juna kaj vivĝoja.

Pasis semajno. Nadenka preskaŭ ne dormis. Ŝi eĉ timis ekdormi. La malsano kaŝiĝis en ŝi kiel vesperto. Tage ŝi pasigis pli-malpli trankvile. Tage ja lumis la malforta aŭtuna suno, en aero estis flugantaj folioj kaj homoj, vivaj homoj. Sed nokte, kiam ŝi nur iomete fermis la okulojn, ŝia brusto sufokiĝis, kaj la flanko ekdoloris, kvazaŭ malvarmaj ŝtalaj ringegoj senkompate premis la malsanan koron, kaj ĝi preskaŭ mortis de timo, aŭ subite komencis furioze bati, vane provante liberiĝi. Pro tio ŝi timis ekdormi.

— La filinoj... Ja kiel ili fartas sen mi?

En tiu ĉi tago jam de la mateno pluvis. Ĝi frapis sur la fenestrovitrojn, bruis en la defluiloj, deŝiris la lastajn foliojn de sur la branĉoj. Ili falis de la tremantaj branĉoj kaj algluiĝis al la malsekaj vitroj.

Tagmeze al la malsanulejo venis la ĵurnalisto. Akvo torente fluis de sur lia mallonga mantelo. Sub la brako li premis rondan ladan skatolon.

— Jen — li diris al la kuracisto — prenu, ĝi estas filmo.

— Kia filmo?

— Filmo pri la vivo de la lerneja pensiono, en kiu loĝas Ljusja kaj Milka. Cetere, ili plenumas en ĝi la ĉefrolojn.

— De kie vi prenis tiun ĉi filmon? — ekkriis la kuracisto prenante la skatolon.

— Mi mem faris ĝin...

La pluvo ne plu frapis sur la fenestrojn. En la ĉambro jam enĵris la suno. Jen, ĝia radio ekludis sur la maldika kurteneto, transiris al la kuseno, ektremetis sur la muroj. De tempo al tempo tranĉante ĝin kaj ekbrulante, de supre traflugis citrone-flavaj kaj skarlateruĝaj folioj.

La profesoro staris ĉe la lito de la malsanulino kaj rigardis ŝiajn lipojn. La unuan fojon dum multaj tagoj kaj noktoj, pasigitaj en la malsanulejo, la virino ridetis. Ŝi ridetis nekonscie, en sonĝo, travivante ĉion viditan hieraŭ vespere sur la ekrano. Tiu ĉi estis tre grava rideto, ĝi estis la komenco de reveno al la vivo.

El rusa lingvo tradukis:

**Z. Skvorcova, Kujbiŝev, USSR**

---

*IVAN VAZOV*

## OLIMPO

Olimp', sen glor' vi restas,
kaj ankaŭ viaj dioj!
Nun Zeŭso plu ne festas
sur altaj suproj viaj;

fulmtondrojn li ne ĵetas
al tera mond' tremanta,
ordonojn ne dekretas
ĉe ĥoro jubilanta.

Vi kuŝas nun trankvile,
silente, sub la neĝo,
kaj ŝajnas plensimile
al iu tron' sen reĝo...

*IVAN VAZOV*

## LA PLEJ GRANDA

— Mi estas monta reĝ', plej granda, eminenta! —
ekgrakis aglo, rabobirdo fieranta.
— Nur mi! Ĉar mi mortigas — siblis voĉ' serpenta.
— Ne vi, sed mi! — ektondris monta fag' giganta.
— Mi! — grumblis urso — Mi, terura kaj kruela.
— Mi! — trilis najtingalo, la poet' arbara.
— Plej fama estas mi, ĉar ŝajnas mi plej bela —
bonodorante diris la violo kara.
Finiĝis jene la disputo pri la vero:
— Nur mi plej granda estas en la tuta mondo —
mallaŭte, sed impone flustris la sablero —
el eroj, kiel mi, konsistas ja la monto.

Tradukis: **Simeon M. Simeonov**

---

## Oskar Berman — jubileulo

„Nia Ligilo" — organo de Esperanto — Ligo Israela en sia n-ro 16 (aprilo-junio) 1964 aperigis sub la supra titolo la jenan artikoleton:

„Nia meritplena s-ano Oskar Berman fariĝis la unua dumviva membro de Esperanto — Ligo Israela. Ankaŭ dum la kuranta jaro plenumiĝos kvindekjaro de lia Esperanto-agado. Tial estas ĝuste dediĉi al li tiun ĉi artikolon.

S-ano Oskar Berman naskiĝis kaj multajn jarojn pasigis en la pola industria urbo Lodz.

Tie dum pluraj jaroj li estis prezidanto de Lodza Esperanta societo kaj interalie dum 15 jaroj gvidis semajnan rubrikon pri Esperanto en la germanlingva gazeto „Neue Lodzer Zeitung". Ankaŭ li aperigis multajn priesperantajn artikolojn en aliaj lodzaj kaj varsoviaj gazetoj kaj ĵurnaloj kaj poste ankaŭ en israelaj.

De la jaro 1933 ĝis sia forveturo en Israelon en 1939 s-ano Berman estis vicprezidanto de Varsovia Esperantista Societo kaj gvidanto de la Esperanta Rondo ĉe Juda Turista Societo.

Veninte kiel turisto en Israelon en 1934 li partoprenis en la nomo de polaj esperantistoj la solenan inaŭguron de la Zamenhofa strato en Tel Aviv.

Ankaŭ en Israel li aktive partoprenis la esperantan movadon.

S-ano Oskar Berman ĝis nun partoprenis 10 Universalajn Kongresojn de Esperanto, polajn kongresojn kaj jarajn konferencojn de Esperanto — Ligo Israela.

Al nia kara samideano Oskar Berman, kiu nun festas duoblan jubileon: kvindek jarojn de fruktodona esperanta agado kaj dudek kvin jarojn de estado en Israelo ni deziras ankoraŭ multajn, multajn jarojn en sano, bonstato kaj feliĉo kaj multajn pluajn sukcesojn en la esperanta movado, kies ano li ĉiam estas."

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" aliĝas al la bondeziroj de la israelaj esperantistoj, ĉar s-ano Berman estas ankaŭ fervora reprezentanto kaj aganto de TEJA en Israelo.

# LA ĈEĤOSLOVAKA GAZETARO PRI ESPERANTO

Dum la pasinta jaro konsiderinde vastiĝis la nombro de informoj en la ĉeĥoslovaka gasetaro, precipe kio rilatas la grandajn ĵurnalojn inkluzive „Rudé právo“, (centra organo de Ĉeĥoslovaka Komunista Partio). Granda nombro de malongaj informoj eĉ de pli grandaj informoj estis publikigita pri la 48-a Universala Kongreso de Esperanto en Sofia. Aperis eĉ pli grandaj artikoloj en kulturaj kaj aliaj gazetoj priskribantaj pli detale la celojn de Esperanto kiel internacia lingvo. Karakteriza trajto de ĉiuj tiuj informoj en ĝia tuto estis plej grandparte ilia favora aŭ almenaŭ objektiva enhavo, eĉ se en ili troviĝas kelkaj mankoj de informiteco de la skribintoj, aŭ samtempe estis cititaj eĉ opinioj de kontraŭuloj de Esperanto. Ĉiukaze ĝi estas por la prudentaj anoj de la internacia lingvo favora aperaĵo en la sinteno de nia gazetaro.

Similan pli grandan artikolon sub titolo „Ĉu Esperanto savos la mondon?“ de Jiří Vanĝura estis presita en la ĵurnalo „Mladá fronta“ la 10-an de decembro 1963. („Juna fronto“, organo de Ĉenoslovaka Junulara Asocio). En ĝi la aŭtoro konstatis kelkajn argumentojn por kaj kontraŭ Esperanto, kritikis — entute ĝuste — kelkajn metodojn uzatajn de esperantistoj dum la propagando de tiu ĉi lingvo. Sed la bazan problemon de la artikolo — ĉu do, juna homo lernu Esperanton? — li lasis nesolvita.

Kiel reagis je tiu ĉi artikolo la esperantistoj? Laŭ niaj informoj ili skribis al la redakcio grandnombre: vico da esperantistaj rondetoj kaj kolektivoj. Tio estas bona, la redakcio ĉiam bonvenigas la eĥon de la legantoj. Plej grandparte ili estis ekscititaj, ja preskaŭ eĉ atakoj tro detalaj. Moderecan kaj entute tre belan leteron skribis kontraŭe al tio ekzemple k-do L. Chytil el Přerov.

Oni povus supozi, ke la aŭtoro de la artikolo rajte venas al la konvinko, ke laŭ la avertado de siaj amikoj, li kun esperantistoj devis nenion komenci. Feliĉe tiel ne okazis, ĉar eble li mem favoras Esperanton. Li nome publikigis respondon pri la resono de esperantistoj denove en pli granda artikolo en „Mladá fronta“ (la 15-an de februaro 1964) sub titolo „Ankoraŭfoje pri Esperanto“, kiu estas verkita en tre ĝentila tono. Tiu ĉi artikolo kvankam ke ĝi enhavas kelkajn malkonkordajn opiniojn kaj problemojn — ni povas (laŭ nia opinio) — konsideri kiel tre efikan kaj bonvenigan propagandon de Esperanto. Kaj kion ni deziras, amikoj? Vastigi kaj propagandi la praktikan uzadon de la Internacia Lingvo en ĉiuj fakoj de la homa agado en la nuntempa mondo. Al tio necesus konvenaj formoj de agado kaj propagando, kaj ne atakforta kaj senprudenta reagado je ĉiu informo en la gazetaro, eventualaj aludoj en radio — aŭ televido-elsendado, kiuj neantaŭjuĝeman publikon povas pli eble mallogi ol gajni. Bone estas reagi ĉiam kaj multnombre, sed per korekta formo, ne tro malkoncize kaj ĉe la kritiko uzi objektivan kaj taktikan argumentadon. Konvena ĉe tiuj ĉi okazaĵoj estas proponi samtempe al la redakcio interesajn informojn el esperantista gazetaro, aŭ aliajn ekzemplojn, kiuj ĉe ni ankoraŭ ne estis publikigitaj, aŭ aliajn ekzemplojn de la socia aplikado de Esperanto.

Fine ni rekomendas ripeti eltiraĵon el la principoj de la „Deklaracio de Frostavallen“ pri informado, kio rilatas la bazajn erarojn, kiujn kutime esperantistoj faras. Tiu ĉi instruo estas publikigita en la 19-a numero de „Informoj de ĈTEK“ el la jaro 1962.

**SV**

El „Zprávy“ — Informoj de Ĉeĥoslovaka Esperanto - Komitato n-o 15, aprilo 1964. Tradukis AVZ.



Busto de L. L. Zamenhof en la E.-muzeo, Vieno, Aŭstrio. Aŭtoro-skulptisto Ludomir Sobanski, Krasna Moldavio, USSR.

## Ankoraŭ pri la stenografio kaj Esperanto

En n-ro 1 (1964) de „Int. Ĵ-sto" tuj allogis mian atenton la titolo „Ĵurnalismo kaj Esperanto". Mi tralegis la artikolon kelkfoje. Bedaŭrinde, s-ano Stañura ne klarigas, ke ekzistas profesia stenografio kaj amasa rapidskribado, por kiu la vorto stenografio ne taŭgas, kiel ne taŭgas la vorto alkemio por la nuntempa kemio.

Por Esperanto povas esti uzataj multaj sistemoj de l' rapidskribado. Kiun el ili devas elekti la esperantisto? Certe tiun, kiu estas pli internacia. La internaciistoj principe ne devas uzi tiel nomitajn morfologiajn sistemojn, kiuj posedas siglojn por apartaj naciaj radikoj kaj afiksoj. Bedaŭrinde tiaj nacie limigitaj sistemoj dume estas plej disvastigitaj en la mondo. Ĉu ne estas nia esperantista devo batali kontraŭ similaj sistemoj?

Sed kion proponi anstataŭ ili? Kiu sistemo plej bone taŭgas por diversaj lingvoj?

La unuan respondon ni atendas de la aŭtoro de la artikolo kaj de la redakcio.

Ludomir Sobanski, Krasna, raj. Rezina, Moldavio, USSR.

---

### ANONCOJ

La redakcia komitato de „Esperanto Foto-Film-Press" (E. F. F. P.) petas ĉiujn ĵurnalistojn-esperantistojn kaj kolegojn sendi bonajn fotojn en mezuroj de 9×12 m/m. Temo—la Esperanto-movado. Estas necesaj por neesperantista revuaro. Kiuj deziras fariĝi kunlaborantoj de E. F. F. P. bonvolu anonci sin al adreso: Budapest P. O. 119. Pf 6, Hungario.

* * *

Por krei novajn skulptaĵojn de L. L. Zamenhof mi kolektas fotojn de la kreinto de l' internacia lingvo. Adreso: Blaĵkov Nikolaj Vasiljevic-skulptisto. Odesa —V—26, Deribasovskaja 3. kv. 9. Sovet-Unio.

---

*Kolegoj kaj legantoj, fariĝu konstantaj kaj akurataj kunlaborantoj de via organo „Internacia Ĵurnalisto"! La redakcio atendas viajn kontribuaĵojn!*

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" salutas plej varme ĉiujn legantojn kaj kunlaborantojn okaze de la nova 1965 jaro. Al ĉiuj — ĉion bonan!*

## NIA POŜTO

Jozefo Ŝneider, Harkov, USSR. — Dankon por la tradukaĵo. La temo estas interesa, la enhavo-same. Sed la informo mem iom malnoviĝis kaj ni ne povas utiligi ĝin. Certe en via regiono aŭ E-laboro estas aliaj menciindaj aferoj.

Zoja Skvorcova, Kujbiŝev, USSR. — La tradukita de vi rakonto „Rideto" estas tre interesa kaj koncernas la ĵurnalistan profesion. Ni aperigas ĝin. Sinceran dankon. Ni atendas de vi aliajn kontribuaĵojn.

Wladyslaw Wolanski, Zielona Gora, Pollando. Vi estas profesia ĵurnalisto, t. e. vi rajtas esti A-membro de TEĴA. La membrokotizo estas egalvalora de unu dolaro. Pri la pago kaj aliaj informoj bonvolu turni vin al la estrarano de TEĴA en via lando s-ano Jerzi Uspienski en Warszawa.

Feliciano Olivan, St. Martin D'heres, Francio. Ni ricevis bone la Alvokon de la poeto Marcos Ana. La bulgara gazetaro, la bulgara socio jam kun indigno protestis kontraŭ la kruelaĵoj en la malliberejo de Burgos. Ni ne havas lokon aperigi la alvokon, krom tio ĝi malfruiĝos, la 4-a n-ro de „I. ĵ." aperos en la fino de decembro. Sed oni utiligos la manuskripton en kunvenoj.

Ludomir Sobanski, Krasna, Moldavio, USSR. Vian leteron ni ricevis. Dankon por viaj opinio kaj rekomendoj por plibonigo de la laboro. Sed estas ankoraŭ iuj obstakloj, kiuj ne favoras. Ni esperas venki la malfacilaĵojn. Tamen vian opinion pri la artikolo de s-ano Stanura ni aperigas en „I. ĵ."

Oldrich Knichal, redaktoro de ĈTK, Praha, Ĉeĥoslovakio— Responde al via leterodemando ni rekomendas al vi turni vin por pli detalaj informoj pri TEĴA al s-ano A. V. Zednik, komitatano de nia asocio (adreso: Modrany 1482. Ĉe ebleco ni sendos al vi la deziritajn adresojn.

M. Niewiarowski, Katowice, Pollando. Laŭ niaj eblecoj ni helpis la polan ĵurnalistan grupon. Varbu la junulojn kiel membrojn de TEĴA. Dankon por la sendaĵo.

N. V. Blaĵkov, Odesa, USSR. —Dankon por la foto de la busto de Zamenhof. Kiam la projekto de nova monumento de L. L. Z. estos preta, bv. sendi al ni foton. Kontribuaĵojn ni ricevas laŭ la karaktero de nia gazeto.

Direktoro de „Biblioteka Universitaria", Cagliari, Italio. Bedaŭrinde, ni ne povas sendi senpage nian gazeton al la multaj bibliotekoj-centraj, lokaj ktp. pro la limigita eldonkvanto de nia organo.

### DUM LA JARO DE KUNLABORADO

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" atendas amase informojn, fotojn, artikolojn kaj aliajn kontribuaĵojn konekse kun la laboro de niaj teĵanoj dum la Jaro de Internacia Kunlaborado, proklamita de Unuiĝintaj Nacioj, subtenata de Universala Esperanto-Asocio. Bv. sendi kontribuaĵojn ankaŭ pri aliaj temoj.

# UZINO POR PRODUKTADO DE PLASTOJ „KAPITAN DJADO NIKOLA" EN URBO GABROVO

## Produktado de plastoj kaj plastaj ellaboraĵoj

Tuboj kaj fasonaj detaloj porili el solida polivinilklorido por la konstruado kaj por la aliaj branĉoj de la nacia ekonomio konekse kun la ordono 26—64 de la Komitato de konstruado kaj arkitekturo.

Tubo el mola kaj duonmalmola polivinilklorido.

Rezervaj partoj el mola, duonmola kaj malmola poliviniklorido.

Plankmakadamo el PVC sen teksaĵo.

Teknikaj produktoj kaj varoj por amasa konsumado e polisterolo (ordinara kaj fraprezistanta), polietileno (ĉe malalta kaj alta tensio), polivinilklorido, celulozacetato, poliamido kaj aliaj plastoj.

Karbamida prespolvo kaj ĝiaj produktaĵoj
Nesaturita poliestera peco el etilenglikolo kaj dietilenglikolo
Aerplenigaj artikloj: pilkoj, fiŝoj, cignoj, kusenoj k. a.
Pakmaterialoj por eksporto de persikoj k. a. fruktoj.
Serĉu la fabrikaĵojn kun uzinmarko „KDN", kio estas garantio por bonkvaliteco.

Telefonoj: Direktoro — 27-19
Telefona centrejo: 22-86 kaj 22-87

DUM LA JARO

DE LA INTERNACIA KUNLABORADO

AL PLI VIGLA KUNLABORADO

INTERĴURNALISTA!

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, Bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*